# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Februaro 1997 68-a jaro, n-ro 2 (1100)

ISSN 1163.0442 *Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem* MENSUEL/MONATA

## JUGOSLAVIO

# ĈU ILI SUKCESOS ?

Manifestacio kontraŭ la reĝimo de Miloŝeviĉ en Beogrado

EN ĈI NUMERO






SAT SUR TTT : http://www.worldnet.net/~sat-esp/

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## EL LA REDAKTEJO

*Karaj gekamaradoj,*
*la tempo rapide pasas, kaj vi jam tenas en la manoj la februaran numeron de nia gazeto.Espereble vi trovos en ĝi interesajn artikolojn kaj informojn, kvankam niaj kunlaborantoj lastatempe ripozis. La redakcio ne plu ricevas interesajn artikolojn pri aktualaĵoj. Ni estu modernaj kaj aktualaj. Verku malpli pri historiaĵoj kaj pasintaĵoj, ĉar ni devas sekvi la evoluon de la aktuala mondo en kiu la plej granda parto de loĝantaro estas laboristaro (eĉ se al kelkaj ne plu plaĉas tiu vorto), kiu por transvivi devas vendi siajn kapablojn kontraŭ la salajro. Do, informu nin pri la problemoj kaj ĉiutaga vivo de tiuj laborantaj homoj en viaj landoj kaj regionoj.*
*Anticipan dankon.*
*Via,*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo : 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, Telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
E-poŝto : sat-esp@worldnet.net.
Oficejo malfermita : lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo : 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto : SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas : Redakta komitato - J. Bannier, P. Lévy kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo : SAT, 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, Francio.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, F-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication : Yves PEYRAUT.
Abonnement annuel/jara abono, France : 320 FF.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

# PUBLIKA RESPONDO AL LA P.K. DE S.A.T.

Ni ne ricevis vian publikan leteron al K.E.K., (nun I.K.E.K.), tamen publikigitan en »Sennaciulo« n°1099. Ni ne dubas, ke vi publikigos nian respondon, kompreneble senditan al la P.K. de S.A.T.

Ni ĝoje konstatas, ke la P.K. de S.A.T. legas atente, zorge kaj rigore nian organon »Internaciisto«, eĉ en ĝiaj plej etaj artikoloj. Tio estas granda honoro por ni.

Ni bone notas, ke niaj salutvortoj al S.A.T. ekde 1993 (publikigitaj nur de »Internaciisto«) fine trafis vin.

Dum jardekoj vi silentis pri K.E.K. (fondita en 1973) kaj esprimiĝis en 1987 kaj 1990. Ĉu ni devus konkludi, ke ne kalumnioj aŭ atakoj, sed niaj ŝanĝiĝoj, malagresemo kaj toleremo ĝenas vin? Kontraŭe al viaj fantaziaj hipotezoj, la ĉeso de tiuj atakoj respondis al redaktista decido kaj nia tuta asocio aprobas ĝin.

Neniam ni ricevis ajnan apogon en la ekssocialismaj landoj, kiun akiris nur la neŭtrala movado.

En la pasinteco, KEK-anoj eraris, ĉar ili pensis, ke artikolo aperinta en »Sennaciulo« nepre reprezentis la opinion de via asocio. Ĉu vi ne kapablas koncepti, ke K-do Franz SCHICK (verkinto de la artikolo riproĉita) rajtas havi sian propran ideon pri S.A.T. en 1932 kaj ke en I.K.E.K. troviĝas plej diversaj komunistoj-Esperantistoj? En nia asocio ekzistas nun etoso de libera opinio kaj ni ne rezignos pri tio.

Via fajna analizo de »Internaciisto« estas verŝajne tre selektema, ĉar sur la paĝo 14-a de la sama numero (23-a kaj ne 24-a kiel vi erare skribis) estas la oficiala pozicio de I.K.E.K. pri S.A.T. (La mesaĝo de nia prezidanto Andris NATINJ). En la agadraporto por nia Lisbona konferenco, ni dediĉis tutan paragrafon al S.A.T., sed vi tute silentas pri tiuj oficialaj dokumentoj, ĉar ili ĝenus vin en tia »Moskva« proceso.

Via malrespekto al ĵus mortinta kamarado, iama SAT-ano, estas maldigna.

La du lastaj paragrafoj de via letero estas eksterordinaraj. I.K.E.K. estas memstara kaj sendependa de la Plenumkomitato de S.A.T. kaj ne obeos al viaj ordonoj.

Ni neniam ordonis, nek ordonos ion al la Kamaradoj, kiuj estas membroj de IKEK kaj de SAT aŭ de UEA, ĉar ni estas demokrata asocio.

Plaĉu, malplaĉu al vi, ni plu iros nian vojon, pliprofundigos nian toleremon, dediĉos nian tempon disvastigi Esperanton kaj esperantismon en la laboristaron, por kaj per ĝi, sen serĉi iun ajn eksmodan kverelon.

Ni scias, ke en via asocio estas multaj membroj, kun kiuj ni ĉiutage laboras kaj konstruas. Ili ne bezonas vian permeson, ĉar ili estas liberaj kaj inteligentaj homoj.

LANTI diris : »For la neŭtralismon!« Ni aldonas »For la fanatikecon!«

Vincent CHARLOT
Sekretario de IKEK



# El la Mondo

## JUGOSLAVIO

# MAFIA ŜTATO

## Kiu regas en Serbio ?

*Serba intelektulo, profesoro pri internacia juro en la Instituto pri kriminologiaj kaj sociologiaj esploroj de Beogrado, Vladan Vasilijeviĉ, esprimiĝas pri aktuala situacio kaj reĝimo en Serbio.*



*Geedza paro Miloŝeviĉ tenas absolutan povon en Serbio-Jugoslavio.*

Krom la mallonga periodo komence de la jarcento, de la tempo de reĝo Petro la Unua, Serbio neniam estis vere jura ŝtato. Sub la regno de Miloŝeviĉ, dum naŭ jaroj de konstanta difektado, la ŝtato atingis la mafian staton. En ĝia supro troviĝas personoj, kiuj ŝuldas sian kolosan riĉecon al la valutkomerco aŭ al la kontrolo de grandaj naciaj entreprenoj : »Jugopetrol« por la prezidanto de Parlamento, »Centrotekstil« por Zoran Todoroviĉ, aliancano de Mirjana Markoviĉ, edzino de prezidento Miloŝeviĉ, »Progres« por Ĉefministro. Pli grave estas ke ili kunlaboras kun la organizita krimmovado, kunligitaj kun mafioj el Italio, Rusio kaj Ukrainio.

En 1992 aperas en la Parlamento kelkaj gravegaj krimuloj kiel Ĵeljko Raĵnjatoviĉ - fifama Arkan kaj Vojislav Ŝeŝelj, estro de Radikala partio. Ili ambaŭ gvidis, same kiel Dragoslav Bokan, paramilitistajn bandojn, kiuj faris la plej aĉajn krimojn en Kroatio kaj Bosnio-Hercegovino. Iniciatinto de la milito, Miloŝeviĉ, gardas siajn manojn puraj. Sed li devas protekti siajn ĝenajn partnerojn. Estis malfacile eviti ilin kiam oni devis elturniĝi dum la sankcioj kontraŭ Serbio kaj kiam necesis nigra merkato.

Kiu do vere regas en Serbio ? La disigo de la povo estas tute formala. La ekzekutiva povo estas Miloŝeviĉ; leĝodona povo - Miloŝeviĉ; Juĝa povo - denove Miloŝeviĉ au pli bone dirite - geedzoj Miloŝeviĉ. Socialista Partio (SPS) kaj Unuigita maldekstro (JUL) estas la instrumentoj de ilia povo. La influo de la edzino de serba prezidento efikas sur ĉiujn decidajn instancojn. Ilia filo, Marko, ŝatanto de aŭto-ralioj kaj de hazardaj ludoj, okupiĝas pri la vendo de sentaksaj varoj ĉe la hungara landlimo kaj posedas grandegan diskotekon en Poĵarevac, naskiĝurbo de liaj gepatroj. Filino Marija gvidas radiostacion kiu estas fidela al la reĝimo. Jen la realeco : nek Parlamento, nek la justico havas iun ajn kontrolon pri la ekzekutivo. La justicministro estas membro de la gvidinstancoj de JUL. La prezidanto de la Supera Kortumo, eksurbestro de Titovo Uĵice, estis implikita en grava trompafero.




El "L'Express"

*Serba Ortodoksa eklezio subite forlasis la subtenon al Miloŝeviĉ kaj nun subtenas la postulojn de la popolo.*



# El la Mondo

## BRAZILIO

# NI LA SENTERULOJ

Antaŭ kelkaj semajnoj k-do Gilbert Lebec sendis al mi bultenon de »Réseau Solidarité« kiu petas reagon al masakro de brazilaj »senteruloj«, okazinta la 9-an de aŭgusto 1995. K-do Lebec demandas mian opinion.

Ĉar la problemo ne estas nova kaj tre for de kontentiga tuja solvo, ĉar mi opinias, ke ĝi povas interesi ĉiujn kaj ĉar mi havas certan sperton pri la temo, mi decidis prezenti la ĉisuban tekston al nia organo.

### La esenco de la problemo

Per simpla fablo nia poeto Lafonteno de longe diris, ke la laŭleĝa posedanto estas la unua okupanto. Laŭmemore en Brazilio la unuaj posedantoj estis la indianoj. Poste ekde la 1500-jaroj la Luzitanoj plantis siajn flagojn sur tiujn teritoriojn... kaj jen post 500 pliaj jaroj retroviĝas senteruloj kaj indianoj kiuj volas trankvilan vivon, en memsufiĉa, proprastila maniero sur propra tero. Ĉu vere ? Laŭ mi la afero fariĝis komika.

Atentu bone, la komikeco en la nuna strukturo de nia sociordo ne estas specifa al Brazilio. Mi demandas, kiu en SAT mem ne estas »senterulo«? En la tuta mondo pli ol 90 % el la homoj ne posedas teron, do estas »senteruloj«. Mi mem kiu estis terulo (mi naskiĝis en la bieno de mia patro, kiu estis 15-hektara) devis post la dua mondmilito pro ŝtata forto de iu »remembrement« (terkunigo) fuĝi al la granda ducentjara iluzio, kiu estas la industrio.

### Al la tero returne

Tio estas la titolo de libro kiun mi skribis, kaj mi opinias, ke ĝi donas unu el la malmultaj solvoj por individua kaj socia ordo. Do, mi tuj devas diri, ke mi estas plene favora al la daŭra establo de ĉiuj familioj ĉe la tero en la tuta mondo. La senteruloj ne devus ekzisti kaj tiu kvazaŭ ideala socia strukturo ne estus utopia se ni ne vivus sub la kapitalisma principo de akaparado. La detaloj estas en la citita libro. Feliĉe, spite al demografia eksplodo, el la pli ol 5 miliardoj da homoj ĉiu el ni rajtas posedi (jes proprieti kaj uzi 17000 $m^2$ (1,7 ha) da kultivebla grundo. Ni povas demonstri (mi tion faris per uzo de kalorioj, ne de mono) ke per malpli ol 5000 $m^2$ normala familio povas perfekte vivi. Ni do troviĝas, unu fojon plian, fronte al falsa problemo, provokita de la devojiĝoj el la natura ordo.

### El la historio de Brazilio

Ĉar ne tre utilas ĉi tie paroli pri iu ideala ordo, ni revenu al faktoj de la historio de Brazilio, kie la konfliktoj kun masakradoj inter senteruloj kaj latifundiaj posedantoj ne estas novaj.

Estas vero ke latifundioj, t.e. ne plene, aŭ tute ne produktivaj bienoj kun 1000, 2000, 5000, 10000 aŭ pli da hektaroj okupas pli ol du trionojn de la brazilia teritorio. Temas do pri efektiva absurdaĵo.

Antaŭ 50 jaroj la demagoga, faŝismema diktatoro Getulio Vargas, fronte al tiuj faktoj, perfekte konsciis, ke agrara reformo estas necesa : kiel povas ekzisti senteruloj en tiom vasta, neprofitita lando ?

Kaj la sango de Getulio mem, per lia propra revolvero, elfluis en aŭgusto 1954, parte ĉar tiu agrara reformo, malfacile povas okazi. La heredintoj de portugalaj (aŭ aliaj) invadintoj laŭleĝe rajtas konservi siajn posedaĵojn.

Poste, prezidento Juscelino pro Brazilja internigis la aktivecojn. La latifundioj spekule iĝis pli valoraj do la agrara reformo pli malfacila.

La grandaj komikaĵoj, ankaŭ kun sango aperis en la 1960-aj jaroj kun la grandaj latifundiuloj registaranoj, »komunisto« Goulart kaj »socialisto« Brizola (ĉi-lasta demagogias ĝis hodiaŭ!). Goulart posedis grandan parton de provinco Rio Grande do Sul kun la plej granda bredejo de ŝafoj de la tuta lando. Same pri la bofrato Brizola, kiu grandbiene agis, ĉu en Brazilio, ĉu en Urugvajio. Ambaŭ volis »fari« la agraran reformon, kredeble sen dividi, sen parceligi siajn proprajn milojn da hektaroj, kiuj laŭ ili estis produktivaj.

La rezulto estis, kiel ĵus diris en ĵurnalo »Folha de San-Paŭlo« bienulo Peter Meden : » En 1964, Brizola kaj Goulart volis fari ian agraran reformon, kaj ni faris revolucion, kaj ni forpelis ilin el nia lando«... ĉu admono, ke la historio povus ripetiĝi?

### Hipokrita M.S.T.

Jes, io tia ree povus okazi kun multe da sango pro la hipokriteco de M.S.T. (Movado de Sen-Teruloj) kiu intertempe kreiĝis kiel politika, agitada movado. M.S.T. ricevis instruojn, instrukciojn laŭ militista trejnado. M.S.T. estas je la servo de partipolitikaj grupoj por premi la nunan registaron ne ĉiam je la interesoj de la senteruloj.

Kompreneble, la situacio fariĝis multe pli konflikta ol antaŭ 40 jaroj. En 1950 en Brazilio estis proksimume 50 milionoj da braziloj, nun en 1996 ni kalkulas 157 milionojn da homoj, do pli ol trioble pli da senteruloj, pliaj mizeruloj kaj problemoj. Ĉu la instalado ĉe la tero okazas? Jes ĝi iom post iom okazas; laŭ la registaro en 1995, 40 mil familioj ricevis siajn parcelojn, laŭ M.S.T. nur 15 mil, tial oni senpacience instigas al invadado, aperas nature reagoj, konfliktoj, masakroj, apud la maljuŝtaĵoj de la leĝoj. En »Folha de San-Paŭlo« de 22/1/96 oni eĉ informas, ke iu riĉa



# El la Mondo

sindikato de la petrollaboristoj, kiu havas nenion por vidi en la problemo, helpas per granda kvanto da materialoj al la invado.

En la nuna strukturo la afero vere ne estas facila, despli ke M.S.T. postulas ne nur teron sed monon por povi planti kaj garantion pri aĉeto, kun bona prezo por la produktotaj varoj. Kiu ŝtato kapablas plenumi tiajn postulojn?

Oni jam flustras, ke M.S.T. celas premi la ŝtaton ĝis kiam ĉi-lasta neelteneble, en renversiĝa procedo ĉion ŝtatigos sen elspezi unu groŝon... en la konata komunista stilo de Sovetio, de la kolĥozoj de 1917. Sed, kiuj potencaj latifundiuloj akceptus tion sen riveroj da sango ?

## Kiu volas teron ?

Alia grava demando, kiu efektive volas teron por produkti, labori ? En tiuj lastaj 30 jaroj, la vorto laboro fariĝis ofenda vorto... kaj ĉe la tero, kun ŝpatoj, plugiloj, sarkiloj, pioĉoj, ne penseble!

La homoj volas teron por spekuli por revendi ĝin kun profitego, kaj reiri al la »komfortaj« urbegoj.

Oni citas, ke el 4025 familioj instalitaj en Monte Alegre (norde de Brazilio) en la komenco de tiu fenomeno en 1942, nun postrestas 3341 familioj, kaj la grundo estas aparte riĉa. En malpli fekunda grundo kiun oni devas sterki, ekzemple en Teodoro Sampaio, provinco San-Paŭlo, el la 121 familioj establitaj en 1988 restas 85, la aliaj rapide vendis la bienon.

Tre amuze, en mia propra »bienego« (1 ha!) kie mi produktigis 6000 m² kaj pruvis, ke 8 personoj kapablas sin nutri kaj vivi, kaj kiun la SAT-kongresanoj en 1988 vidis, mi ofere, senpage ofertis la tuton al deko da senteraj familietoj.... neniu akceptis la proponon krom kun alta salajro ! Konklude, la tero nenion valoras. La senterula problemo estas mito.

Alia amuza problemo en Brazilio estas tiu de la markitaj rezervaj teroj por la indianoj. Tiu markado okazas sub la premo (lobio) de internaciaj grupoj kiuj estontece pli facile povus rabe ekspluati la riĉaĵojn. La porindianaj rezervoj jam atingas 11 % el la tuta brazilia teritorio, precipe en Amazonio, por nur proksimume 250 mil indianoj. Tiel, ĉiu homo, kiel diras la ŝovinista deputito Bolsonaro, indiano kiu eĉ ne parolas nian nacian lingvon kun pli ol 350 hektaroj fariĝas la aŭtentika latifundiulo de la lando.

Jen do, neelĉerpebla fonto por konfliktoj.

## Kaj pri esperantistaj senteruloj

Ĉar mi daŭre parolas pri amuzaĵoj spite al la sangelversaĵoj, de 1957 mi akompanas la 1000-hektaran »latifundion«, laŭstatute je la dispono de la esperantistoj por konstati ĉu invado fare de esperantistaj senteruloj okazas. En marto 1984 mi eĉ aperigis en »Sennaciulo« la alvokon »Unika oportuno : Bona Espero«. Nenio okazis krom la veno de tri scivolemulaj leteroj. »Esperanto-revuo« de UEA antaŭ nelonge simile alvokis kun la sama senrezulto.

Mia demando estas, kie el la Esperanto-movado mem estas tiuj idealistoj de asfalto kaj kabinetoj, kiuj predikas belajn alternativajn ekologiajn vivmanierojn, revenojn al la harmonia naturo, forlason de konsumismo, ktp. ktp.? Ĉu ne estus unika oportuno fariĝi terulo kaj praktiki la idealon ? Kiom pezaj estas la ŝpatoj !

## Konkludo

El la ĉi supraj analizoj kaj konstatoj malgraŭ la bonaj intencoj pri solidareco, pri homaj rajtoj k.a. ni konstatas, ke postrestas la simplaj agoj el kondiĉigado, manipuladoj de la homoj, kie, kiel diras la franca nacia himno, ĉiam aperas iuj malpuraj sangoj por alŝprucigi la sulkojn kiujn la homaro ne sufiĉe rekte kapablas sterki kaj fosi.

*Gilbert Ledon*

## LA »KOLEKTO APROBITA« REAPEROS

Responde al la alvokoj en kelkaj gazetoj ripete faritaj de mia kompilfrato R. Haupenhal, pliaj ĝis nun nekonataj inkunabloj nin atingis. Dank'al diversflanka helpo ni do povis kolekti 115 pecojn el la 118 inkunabloj, tiel, ke el ĉi antikvaj memorindaĵoj nun restas fantomaj nur tri pecoj.

Post feliĉa finkompilado de tiuj 115 pecoj raregaj, mia agema eldonfrato Haupenthal bonvolis proponi al mi, ke ni aldone aperigu ankaŭ la tuton de la fama **»Kolekto Esperanta aprobita de Zamenhof«**, ĉar ankaŭ ties titoloj estas por ni nemalhaveblaj fosilioj el tiu jam fora tempo, kiam nia lingvo ĝermis kaj enradikiĝis. Ege konvena konsilo por plene kompletigi nian »ludovikologian dokumentaron«. Kvankam mi nun estas tre skeptika pri la akiro de necesaj rimedoj por tia granda entrepreno, tamen ni povos almenaŭ prepari nin por tiu frandinda eldono.

Ni do antaŭvidas kvin pliajn volumojn en la ludovikologia serio (LD 20-24). Por tiu kolekto ni bezonas la *unuajn* eldonojn aperintajn en la Kolekto Aprobita. Kiu posedas tiajn materialojn, bonvolu sin turni al mia konstanta helpanto : **S-ro Reinhard Haupenthal, Schulstr. 30, DE-66133 Saarbrücken.** tel./fakso : +49 681 816713.

*Itô kanzi*



# El la Mondo

## GREKIO

## LA GRAVECO DE NOMOJ KAJ SIMBOLOJ

Mi unuafoje vizitis Grekion kiel simpla soldato brita en la jaro 1947. Tiutempe jam ekzistis konsiderinda streĉiteco inter tiu lando kaj ĝia norda najbaro Jugoslavio ĉar oni suspektis, ke Marŝalo Tito aktive subtenadas ELAS, nome, la armitan frakcion de la greka komunista partio KKE. Pro la gvatantaj gerileroj oni avertis nin, uniformitajn soldatojn, kontraŭ troa proksimiĝo al iuj montoj apud Ateno. Nu, dum la postaj 45 jaroj, malgraŭ la malfondiĝo de la gerileroj, rilatoj inter Grekio kaj Jugoslavio restis frostaj.

Grekio suferis plurajn politikajn uraganojn inter 1967 kaj 1974. La jugoslavia federacio restis stabila. Ĝis 1990/91. Tiam, unue Slovenio deklaris sin, kaj efektive fariĝis, sendependa. Poste Kroatio. Falis la muroj ĉirkaŭ la iam »minacema« Jugoslavio, agonianta pro sia nove trovita demokrateco, kaj devanta pli sin dediĉi al siaj internaj problemoj. Ĉu la greka registaro ne devus ĝoji pri tiu nova situacio ?

Ĉe la kalkanoj de Slovenio kaj Kroatio, La Respubliko de Makedonio unuflanke deklaris sin sendependa. La Federacia Registaro en Beogrado tion forte kontraŭis. Ĉu Grekio ne devus des pli ĝoji ? Malfermi la brakojn al tiu pli amika lando ? Doni helpon al la juna najbaro por ĝiaj neeviteblaj ekonomiaj luktój ? Malfermi al ĝi Tesalonikon, havenon urĝe de ĝi bezonatan ?

Nenion tian ! Ekde la unua tago la greka registaro protestis kontraŭ la nomo; rifuzis rekoni la novan respublikon. La radio- kaj televidosendaĵoj dissendis tutmonde la sciigon, resumitan per la ĉie en Grekio videbla slogano »Makedonio estis kaj estas greka«.

Tio ne estas mensogo, ke en la tempo de Aleksandro la Granda, Macedonio eĉ fariĝis la plej potenca regiono de Helenujo. Ankaŭ veras, ke la provinco Macedonio, kun Tesaloniko kiel ĉefurbo, estas integra parto de moderna Grekio. Bedaŭrinde la politikistoj ne legas Sennaciulon kaj ne rimarkos la ortografiajn distingojn kiujn mi faris. Tamen, ĉu Belgio rifuzus rekoni Luksemburgion pro tio, ke ĝi havas samnoman provincon ? Absurda ideo !

Nun oni ludas kun alternativaj nomoj : (1) Respubliko de Makedonio (Skopje) kaj (2) FYROM, kiu ne estas nomo, sed akronimo de la angla Former Yugoslav Republic of Macedonia (eksa Jugoslavia Respubliko de Macedonio). Sed la grekoj neniel volas kompromisi kaj lastatempa konferenco ne solvis la problemon.

Tio ne estas ĉio. La greka registaro krome protestis kontraŭ la flago de Makedonio ĉar ĝi (sur ruĝa fono) inkluzivas la 16-pintan stelon de Vergina, jes, la simbolon mem de Aleksandro la Granda. Sed ĉu oni ne estus povinta tion interpreti kiel geston de amikeco ? Evidente ne.

Montriĝas, ke Vergina estas urbeto en Grekio, 60 km okcidente de Tesaloniko. En la tempo de Filipo de Macedonio ĝi probable estis lia ĉefurbo. Pro tio ni verŝajne devas konsideri la adopton de tiu simbolo kiel konsiderindan diplomatian fuŝon fare de la makedonaj politikestroj. Ho, naciecoj !

*Jani*

---

## ALVOKO

**al SAT-anoj kapablaj legi kaj recenzi librojn.**

Gekamaradoj, kiuj estas pretaj recenzi novajn librojn, bonvolu anonci sin al la SAT-ejo kun precizigo pri viaj ŝatataj temoj, ĝenroj de la literaturo. Ĉiu recenzanto ricevas senpage kaj donace la recenzatan libron.

---

Joseph EVROT

1859 - 1920

Chambérien. Elève puis Professeur au Lycée Vaugelas. Pionnier de l'ESPERANTO en Savoie.

ESPERANTO
Congrès de LIMOGES
29.30.31 MARS 1997

LIMOGES PREFECTURE 2-4-97

LINGVO 1887

al André Sadier
22 Av. P.V. Couturier
Bât. ND
93000 BOBIGNY

*La franca poŝto jam uzas porokazan poŝtstampon okaze de la 52-a SAT-Amikara kongreso dum Pasko en Limoges*

# Reagoj...Reagoj...Reagoj...

## La bonaj spiritoj de SAT?

### Responde al la Publika Letero de la P.K. al K.E.K.

Legante tiun publikan leteron, mi pensis, ke aŭ temas pri novjara ŝerco aŭ ke la plenumkomitato estas forlasita de ĉiuj bonaj spiritoj. Mi klarigu jene:

1. La P.K peze riproĉas (kun organizaj konsekvencoj) al asocio, ke ĝia organo aperigas subskribitan, neoficialan kontribuaĵon, en kiu troviĝas iom negativa kaj konfuzeta mencio de SAT, sed de SAT en la tridekaj (!) jaroj (nome la jenon: »Ĉu iri la vojon de SAT al fantazia nereala sennaciismo aŭ praktiki konkretan internaciismon. Li sin decidis por la lasta.«) Tia riproĉo estas el politika vidpunkto kaŭzo por laŭta rido, sed el ĵurnalistika konsidero netolerebla atenco ál la opinilibereco en la maldekstra ĵurnalaro.

2. Tiu riproĉo strangas tiom pli, ke samtempe legeblas samorgane oficialaj tekstoj senrezerve favoraj al SAT.

3. La riproĉo de »stalinisma pensmaniero« plenfrape bumerangas la plenumkomitaton.

4. La korekta parentezo de la P.K., »ke SAT ne estas sennaciista asocio, sed sennacieca asocio« montras, ke la P.K. ne komprenas, ke temas pri SAT en la tridekaj jaroj, kiam oni eble povis dubi pri tia diferenco, cetere eĉ nuntempe ne tre klara kaj ankoraŭ ene de SAT vigle diskutata.

5. Tiu konfuzaĵo tute konfuzas la plenumkomitaton, kiam ĝi postulas al iuj, ke ili »indiku, ke ili elektis 'la fantazian nerealan senaciec-ismon' kaj ne 'la konkretan internaciismon'«, tiel kreante belan novan ismon: ecismon.

6. La P.K. postulas, ke oni elektu aŭ aŭ, dum mi pensas, ke oni prefere postlasu tiajn disigojn. Mi apartenas i.a. kaj al la Komunista kaj al la Sennaciista (ne al ia sennaciec-ista) Frakcioj de SAT, ĝuste pro tio, ke mi pensas, ke ili povas multon lerni unu de la alia kaj ke SAT povus profiti tiun diskuton.

7. Ke la plenumkomitato estas ŝajne forlasita de ĉiuj bonaj spiritoj, estas domaĝe, sed ne katastrofe, tiom longe, kiom la bonaj spiritoj estas ĉe SAT.

*Vilhelmo LUTERMANO.*

## Publika respondo de Petro Levi al la PK de SAT

Karaj Gekamaradoj,

Mi respondas al tio, kio rekte koncernas min en via publika letero al KEK (jan. 1996).

Mi havas multajn amikojn, kun kiuj mi ne konsentas pri ĉio.

Ni havas statuton, kiun same vi kaj mi subskribis. Laŭ ĝi, interalie, SAT celas : »c) lernigadi, instruadi, klerigadi siajn membrojn tiele, ke ili fariĝu la plej kapablaj kaj ple perfektaj el la tiel nomataj internaciistoj;« sed ĝi ligas neniun ideologie kaj do ne donas al vi la taskon kontroli ies konformecon al neekzistanta modelo. Ĉiu SAT-ano egale rajtas mem elekti sian vojon kaj esti respektata eĉ pri siaj ideoj. Ĉiu rajtas esprimiĝi, sed ankaŭ ĉiu rajtas silenti, se li preferas.

Oni povas kompreni la sennaciismon laŭ diversaj manieroj, pri kiuj mi povas respektive tute konsenti, aŭ pli malpli konsenti, aŭ tute malkonsenti. Oni povas debati pri ĝi. Ĝi ne estas sankta dogmo netuŝebla kaj senviva.

Mi konsentas, ke SAT estas sennacieca asocio kaj ne estas sennaciista asocio. Tiu distingo estas pli precize farita post la publikigo, en 1928, de »La Laborista esperantismo«. Mi rekomendas al vi ĝian legon, eĉ studon. Tiu verko estas ankoraŭ nun tre aktuala; mi povus preskaŭ diri profeta, se tio ne riskus ofendi la memoron de Lanti. Kun li mi tamen ankaŭ ne povas blinde konsenti pri ĉio.

Tamen estas ankaŭ fakto, ke por iuj kamaradoj, plenrajte se nur ne ekskluzive en la plurismo de nia supertendenca Asocio, SAT kaj sennaciismo estas nepre ligitaj unu kun la alia. Tion mi agnoskas kaj respektas sen parentezo.

Fratece kaj sennaciece via,

*Petro Levi 23111*

### HELPO AL LA ASOCIO

**En Francio (FRF)** Plaisant 110,00; Hervouet 40,00; Schneider 10,00; Calas 30,00; Pialla 30,00; Mary 110,00; Izacard 10,00; Sadier 40,00; Orliange 210,00; Grandière 140,00.
**En Nederlando (NLG)** Noordewier 7,00; ten Hagen 172,00; S. Veen 14,00; Vollegraaf 14,00; Maatman 14,00; Kuster 47,00; v.d. Blink 14,00; Moerbeek 14,00.

### POR INTERNET

**En Francio (FRF)** Petro Levi 750,00.

### DANKON AL ĈIUJ

Nia Asocio ricevis plurajn bondezirojn okaze de la jarŝanĝo kaj la plej multaj alvenis tra Internet. Al ĉiuj ni sincere dankas kaj reciprokas.

La P.K. de SAT



# MUZEO PRI LA MANO

Unu el niaj ekskursoj gvidos nin al la regiono kie troviĝas unika muzeo: »Muzeo pri la kulturhistorio de la (homa) mano«. Ĉar SAT estas eduka asocio kun forta ligo kaj interplekto al la laborista movado, jen do kelkaj informoj pri tiu muzeo.

Ja ĝuste la mano estas la plej grava korpero post la cerbo. Oni povas diri: »la mano estos la *laborilo de la cerbo*«. Kaj la manlaboro estis kaj estas la ĉefa kaj plej grava karakterizilo de laboristo. (Jes, eĉ la klavaron de moderna persona komputoro, ne plu forpensebla el niaj firmaoj, funkciigas la fingroj de la mano).

Tiuj ĉi pensoj igis nin proponi al la kongresanoj de la 70-a SAT-kongreso en Aŭgsburgo ekskurson al tiu stranga kaj unika muzeo en Wolnzach (urbo meze en la plej granda lupolregiono de la mondo »Hallertau«).

Sur 250 kvadrataj metroj prezentiĝas mirindaĵoj kaj sciindaĵoj laŭ naturscienco, arto kaj historio de la mano. La mano plenumas kion la cerbo elpensas. Ni uzas la manon por ekzemple iun aŭ ion karesi, por iun konsoli, iun saluti, iun ŝultrofrapante laŭdi aŭ montri ke oni samopinias kun iu aŭ ke tiu bone faris, sed ankaŭ por vangofrapi, bati aŭ mortigi iun. Tamen, la plej ofta kaj plej necesa uzo de mano okazas »por produkti ion, por labori, do por vivteni sin«.

La mano formas artaĵojn kaj estas mem temo de artaĵoj de ekz. Albrecht Dürer, Auguste Rodin, Roy Lichtenstein, Salvador Dali, Eduardo Chillidal.

La manoj ofte uziĝas kiel helplingvo, ĉar ni ne sufiĉe regas iun lingvon aŭ elokventa parolanto sukcese akcentas per la manoj gravajn eldirojn de sia prelego.

Por surdmutuloj la miena kaj mangesta lingvo estas la plej grava interkomprenilo. La blinduloj per palpado legas (brajlo). Kelkaj homoj asertas, ke ili kapablas legi el la mano la vivopasadon, la sorton de iu.

Manoj troviĝas en emblemoj de asocioj aŭ partioj, kiel de la naturamika movado aŭ de socialisma unueca partio de la iama GDR.

En preskaŭ ĉiuj religioj de la mondo la manoj havas gravan signifon, ekz. por preĝi. La krimpolico farigas fingrodepresojn de supozataj krimuloj, ĉar fingrodepreso neniam samas al alia homo.

Tamen, la homaro dum la tuta historio, ekde la apero de la homo, preskaŭ sisteme klopodas distancigi sin de la uzo de la mano. Pli kaj pli laboriloj kaj maŝinoj anstataŭas rektan manan laboron.

Ĉu la »artefaritaj intelektaĵoj« baldaŭ superfluigos la homajn manojn?

Ĉu tio interesas vin ? Jes ! Tiam aliĝu al la respektiva ekskurso de la ĉi-somera SAT-Kongreso.

*F. Knöferl*

---

## *Ni legis por vi...*

Roland Levreaud :
PRELEGOJ KAJ ALIAJ ARTIKOLOJ

*Bela ruĝa-nigra broŝuro, 21x26 cm, eldonita de "Laŭte"-1997, dank'al Christian Baudé. Aĉetebla ĉe Laŭte, FR-47470 Beauville aŭ ĉe SAT. Prezo 90 FRF kun broŝureto "Kolekto de artikoloj".*

Ŝajnas al mi ne necese prezenti la preleginton : Roland Levreaud, sed eble kelkaj novuloj ne konas lin, ĉar li mortis en 1992 pro kancero. Rolando estis sindonema aktivulo ne nur en Esperantio sed ankaŭ en Internacia civila servo, en biciklistaj asocioj. En Esperantio, li estis prezidanto de Franca E-Instituto, ellaboris la vortaron "Dictionnaire Pratique", kunlaboris kun Waringhien pri la suplemento al PIV. Li prelegis en kongresoj, en kulturaj centroj. Li havis grandan erudicion pri muziko, kino, beletro, ekologio...

Firma en siaj progresemaj opinioj, li estis samtempe tre tolerema. Li gvidis 3-agradajn perkorespondajn kursojn, proponis sociajn temojn, pacience helpis la lernantojn, estis larĝvida kaj eble eĉ tro malsevera.

La sep prelegoj estas diverstemaj.

1) *La socia enhavo de la ĵazmuziko* : deveno de tiu muziko, elementoj kontribuintaj al ĝia formiĝo, evoluo kiu respondas al la evoluo de negrusona socio en religio, moralo, tekniko, juro, politiko. La voĉo de sklava popolo, folklora ĉe la komenco atingis universalecon. Al ĝi Usono ŝuldas sian nunan vere originalan kontribuon al la mondkulturo.

2) *Romain Rolland kaj Paco* : mondskala verkisto, admiranto de Goete, Beethoven, amiko de la Germanoj

antaŭ 1914. Dum la milito, li ne volis partopreni la buĉadon de la germana popolo kaj bankroton de la civilizo (15 artikoloj). Li fariĝis lumsignalo por la konsciaj homoj (Nobel-premiito). Post la milito li batalis sur la socia kampo. Gandhi influis lin. Li esperis en la neperforto por realigi paccelon. Post 1927 li defendis Sovetion sen perdi sian liberalan kritikon, kun Barbusse fondis la internacian komitaton kontraŭ faŝismo ĉar la bruna pesto fulme etendiĝis dum neperforto




*Rolando Levreaud antaŭ la palaco de UNESCO en la jaro 1978.*

bezonas longan tempon por penetri la amasojn.

3) *Vivo kaj morto de la Kataristoj* : En la 11-a jarcento, kontrasto inter Sudo kaj Nordo de Francio. Okcitanio estis riĉa, komerca kun socia vivo pli milda, klasaj bariloj pli diskretaj, nobelaro pli klera ol en Norda Francio. Orientaj influoj kaj la komparo inter la "bonaj homoj" (nemensogo, neproprieto, mortigo malpermesata) kaj la korupta katolika eklezio, klarigas la rapidan disvastiĝon de la nova religio. En 1203, Papo Inocento la 3-a predikas la krucmiliton. La riĉeco de la Sudo altiras barbarajn nordajn kristanajn nobelojn. Dungsoldatoj evoluigis tiun militon al sovaĝeco ĝis 1244 : kapitulaco de Montsegur. La legonto konstatos ke la tiel bonega reĝo (laŭ famo) Luizo IX (= Sankta Ludoviko) ne malhelpis la masakrojn kaj la detruon de Montsegur. (Fakte la grafo de Tuluzo koaliciis kun la Angloj). Fine Inkvizicio senlaborus pro manko de brulmaterialo kaj Okcitana civilizo pereus.

4) *Atomcentraloj. Ĉu savaj, ĉu apokalipsaj ?* Funkciado tre precize klarigata - ruboj - supergeneratoroj - rezistmovado kaj aliaj energifontoj. Ĉu ni postkuru senfinan teknikan progreson ĝis detruo de nia vivokadro ?

5) *Jules Valles kaj la Pariza Komunumo 1832-1885.* Infano neamata, li frue ribelis, jam intervenis en la revoluciaj tagoj 1848. Lin impresis la vicoj de deportitoj trenantaj siajn ĉenojn tra Parizo. Poste li estis enkarcerigata pro komploto kontraŭ Napoleono la III-a. Ĝis 1865 : bohemia mizera vivo ĉar li ne sukcesis en literaturo, teatro, ĵurnalismo. Lian vervon oni admiris, lian aŭdacon oni timis. "La neobeanto", "la strato", elvendiĝis sed ne longe. En 1871 aperis titolo de nova ĵurnalo "La krio de l'popolo". Li aktivis en la Konsilio de la Pariza Komuno kaj en majo kuraĝege batalis sur la barikadoj. Kondamnita al mortpuno, li sukcesis fuĝi en Brition. "L'infano" kaŭzis skandalon, same "la bakalaŭro". Denove en Francio, li luktis kontraŭ morto por verki la 3-an parton "La ribelanto" (historio de la Komuno) helpita de juna ĵurnalistino Severina, kiu ordigis la verkon en 1885, "la plej bonan de la batalanta literaturo". Dekmiloj da homoj sekvis lian enteriĝon.

6) *Aŭtodidaktoj - Gorkij kaj Lanti* : vivo kaj verkoj de memstaraj verkistoj: Gorkij, J. London, Emba, Lanti, Ma-Claire Audoux, Paul Leautaud. Omaĝo al naivistoj en pentroarto, al muzikistoj, por montri kiom la kulturo ŝuldas al memlernintoj.

7) *Kion gajnis la virinoj el la franca revolucio ?* De la unua virina ribelo, la 18.9.1789 fare de parizaninoj pro manko de pano ĝis la kluboj, R. Levreaud sekvas la lukton de revoluciaj virinoj kontraŭ spekulacio kaj por akiro de egalrajtoj kun viroj. Progresoj kaj regresoj : leĝo pri divorco (1792) sed la konstitucio rifuzas balotrajtojn al virinoj. Ilia rekta demokratio malplaĉis al Montistoj kaj al Robespierre kiuj dekretis malpermesataj la virinajn societojn, ordonis "ke ĉiuj virinoj retiriĝu en siajn hejmojn". Divorco estis aboliciita en 1816.

Politike la virinoj neniel progresis, akiris nur rajton heredi, kaj povas egalrajte atesti ĉe la civila kortumo. La geedza ligilo laikiĝis. Fine tiu revolucio restis plenumota.

Portretoj ilustras la paĝojn. Fakaj vortoj kaj propraj nomoj estas klarigitaj post ĉiu prelego sed estus interese noti la jaron kaj la lokon de la prelegoj (mi nur scias ke "Pri ĵazo" okazis en Beaubourg en 1965). Tre malmulte da preseraroj. Resume: interesega enhavo kun flua stilo, kortuŝa rememoro. Jen broŝuro nepre akirota.

*A. Houlgatte*

**Valerij Jegorov :**

## BLANKA PELMELO

*Ree la neĝo,*
*blanka pelmelo,*
*kiel la leĝo*
*de la ĉielo.*

*Svarmas kaj ĉarmas*
*kvazaŭ falsteloj*
*lante falantaj*
*belaj abeloj.*

*Ŝvebas kaj strebas*
*friska arĝento*
*ronde kaj onde*
*kune kun vento.*

*Korno d'abundo*
*de la ĉielo,*
*neĝa inundo,*
*blanka pelmelo...*



# VIAJ OPINIOJ

Pri la enhavo respondecas la aŭtoroj mem !

## Amika respondo al amika rebato

Al amika rebato (S-ulo dec. 96, p 134), mi nur amike povas respondi. Inter nunaj SAT-anoj, mi probable estas unu el la plej kapablaj por atesti, ke almenaŭ de post la dua mondmilito, neniam unu membro estas eksigita pro ideologia motivo kaj neniam ekzistis cenzuro por la organoj de SAT, precipe Sennaciulo. Oni ankaŭ ne devas konfuzi kun cenzuro la rajton de la redakcio kaj de la Plenumkomitato rifuzi pro serioza motivo la aperon de artikolo. Sufiĉas ekkonsideri la konsiston de la redakta komitato de Sennaciulo por konvinkiĝi, ke plendo venanta de mi pri tio estus ia rebako de la mondfama filmskeĉo pri la akvumanto akvumata. Fakte, tiu amika kaj interesa rebato ne rilatas al la konkreta enhavo de mia artikolo.

Sacha Guitry (saŝa gitri), fama franca verkinto naskita en Sankta-Peterburgo, deklaris: »Foje estas bone, legi inter la linioj: tio estas malpli laciga por la okuloj«. Al tio mi aldonos, ke la diskutebla materialo trovebla inter la linioj estas multe pli abunda ol en la linioj mem. Tamen ankaŭ la efektive skribitaj linioj eventuale estas legindaj.

La vorto »Gulago« ne devas esti uzata en pluralo: »Gulago« estis unu sola, unika kaj nebanaligebla »Ĉefa Estraro de la Punlaborejoj«. »Gulagoj« estas banaliga slogano. Mi plene konsentas, ke kiam »homoj volas scii, kompreni historion, dezirante ke ne plu revenu tiaj devojigoj de la komunisma idealo, tio estas seriozeco kaj ne fanatikeco«, kaj neniu rajtas apriore decidi, ke ili estas sinceraj aŭ ne. Kio ne estas agrabla (la esprimo vere ne estas forta) por komunisto, tio ne estas, ke oni esploras tiujn devojigojn, sed ke ili efektive okazis; ne banale sed abomene estas, ke ili plu okazas kaj minacas plu okazi en kaj ekster la nuna diversega komunista movado .

La komunisma idealo ne ekskluzive apartenas al membroj de komunistaj partioj, sed estas supozinde komuna interalie al preskaŭ ĉiuj SAT-anoj. La reala socialismo, kiu funkciis en la komunismaj landoj kaj estas venkita de la kapitalismo post sepdek jaroj da senĉesa milito, estas morale kritikinda nur el la vidpunkto de la komunisma idealo. El kapitalisma vidpunkto oni nur povas kritiki la efikecon de ĝiaj ekspluatmetodoj; la defendo de la homaj rajtoj ja ne plu estas tiel aktuala kaj urĝa, ĉar ĝia propaganda utileco estas pli malpli kaduka aŭ negativa.

Nun ekzistas mondskala politika volo krimigi kun la venkita komunisma sistemo reduktita nur al krimsistemo ankaŭ la komunisman idealon kaj ĉian ideon de rezisto al la misfaroj de triumfanta kapitalismo. Tiuj ĉi misfaroj absolute ne estas devojigoj de la kapitalismo sed logikaj, teknike nepraj korolarioj de sistemo de ekspluatado kaj rabado bazita sur la principo de privata tuja profito. Ili estas eĉ justaj el la vidpunkto de la burĝa moralo, kiu prefere kulpigas viktimojn.

Nun en Francio kaj en aliaj landoj de la nekomunista Rom-Mastriĥta Imperio ekzistas nebanalaj malliberejoj, kie senkulpaj homoj, - eĉ tre junaj infanoj, kies homaj, civitanaj kaj infanaj rajtoj hontinde estas malrespektataj -, atendas en nedignaj kondiĉoj identecpaperojn aŭ elpelon. Inter tiuj infanoj, kelkaj devus esti francoj, sed malica, nekomunista, tamen demokrate voĉdonita leĝo rifuzas al ili tiun protekton. Unu krimo ne pravigas alian.

La kvereloj, kiuj skuis nian asocion en la dudekaj kaj tridekaj jaroj estas disputoj de fantomoj pri kadukaj temoj. Komintern, sub kies ŝildon tiamaj skismontoj volis meti nian Asocion, ne plu ekzistas. Tiel nomita Tutmonda Socialisma Sistemo diseriĝis. Multaj sinceraj komunistoj perdis siajn referencojn, se ne tragike sian vivon, ktp. Kiu ne konscias pri tiuj faktoj, tiu riskas pensi kaj agi preter la realeco. La granda plimulto el nunaj SAT-anoj ne povis partopreni en tiuj disputoj, eĉ bataloj, ĉar ili estis tro junaj, kiel mi. Ja pasis pluraj generacioj: ni ne praktiku kvazaŭan vendetton en SAT. Ni prefere kune esploru la historion.

En tiu amike rebatita artikolo, mi menciis deklarojn efektive faritajn de efektive ekzistantaj kamaradoj kaj klare rimarkitaj ne nur de mi. Ili simple sen ĉirkaŭfrazo proponis la eksigon de membroj el SAT, ne pro konkretaj agoj faritaj kontraŭ nia statuto, sed pro esprimitaj aŭ suspektataj tendencaj opinioj . Mi salutas la malkaŝemon de tiuj kamaradoj kaj neniel deziras ataki ilin. Tiuj proponoj fremdaj al la pensmaniero kaj konstanta praktiko de nia demokrata Asocio feliĉe neniam ricevis komencon de konkretiĝo. Krom tio, danĝerega estas la iluzio, ke la abomena aventuro, kiu okazis al la komunismo, nur al ĝi povus okazi.

Mi ne alvokas al malpli sed al pli da defendopreteco, al propra pensado kaj libera debato, konforme al la principoj kaj tradicia praktiko de SAT.

*Petro Levi 23111*



# 70-a Kongreso de S.A.T.

## 02.-09.08.1997 en Augsburg

OKK :
Prezidanto : Hermann Schmid
Adreso : Esperanto-Press Augsburg, Hermann Schmid, Waterloostrasse 21, DE-86165 Augsburg,
Telefono el eksterlando : + 39.821.792835 ; el Germanio : 0821 / 792835 + 488149
Poŝtkonto : Hermann Schmid, Sonderkonto 86356 Neusäß. Postgiramt München Kto-nro 56 99 93-808 (Bank-kodo 700 100 80) por 70a kongreso de SAT 1997 - Augsburg.

| KONGRESKOTIZOJ | ĝis 1997.01.31 | ĝis 1997.04.30 | ĝis 1997.06.15 | poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 86.-DEM | 100.-DEM | 124.-DEM | 10% pli |
| SAT-geedzoj | 136.-DEM | 166.-DEM | 206.-DEM | en ĉiuj |
| SAT-gejunuloj | 46.-DEM | 60.-DEM | 66.-DEM | kategorioj |
| Gasto | 116.-DEM | 140.-DEM | 176.-DEM | |
| Gast-geedzoj | 166.-DEM | 198.-DEM | 246.-DEM | |
| Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas la kotizon | | | | |

La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 30 % rabaton.
La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 50 % rabaton).
La aliĝilon bonvolu peti ĉe la adreso de la O.K.K.



## Pssst......ni babilas el la OKK-oficejo

Vi sciu, ke jam kelkaj kamaradoj oferis certajn sumojn al la Solidareca fonduso, i.a. k-do Kersting 100 GM, k-do Haberland 100 GM, Germana LEA 100 GM, K-do Bustin 30 GM, k-do Gicquel 29 GM, k-do Lynn 13 GM, pluraj adoptis SAT-anojn el Ruslando kaj Ukrainio kiel gastojn por la kongreso en Augsburg, kaj pagos por ili. La OKK-anoj daŭre klopodas trovi personojn, kiuj estas pretaj subteni SAT-gekamaradojn el landoj kun ekonomiaj malfacilaĵoj. La mondo estas tia, kia ĝi estas, kaj ni ne povas ŝanĝi la mondon, sed iamaniere helpi, almenaŭ iomete.

Kiel prelegantoj ĝis nun anoncis sin la prezidanto de la Akademio de Esperanto, d-ro Werner Bormann, d-ro Michael Cwick, deĵoranto en Eŭropa instanco kaj d-ro Reinhard Fößmeier, profesoro en AIS/San Marino.

Almenaŭ provizoran programon ni deziras publikigi en la marta numero de Sennaciulo.

## UNUA LISTO DE ALIĜINTOJ

1. M. Hollinger (AT); 2.*G. Opulskiene (LT); 3. *N. Skortsova (RU); 4. W. Poppek (DE); 5. K.H. Kersting (DE); 6. *N. Vollegraaf (NL); 7. *G. Raabe (DE); 8. *E. Bondar (PL); 9. R. Haberland (DE); 10. *I. Schröder (DE); 11. A. Tabacki (PL); 12. R. Beau (DE); 13. *H. Beau (DE); 14. H. Breuninger (DE); 15. *S. Lisijenkova (RU); 16. J. Fourtané (FR); 17. *I. Butnoriene(LT); 18. A. Conzeth (DE); 19. *H. Conzeth (DE); 20. *M.P. Almada (BR); 21. M. Bustin (ES); 22. C. Gicquel (FR); 23. *O. Gicquel (FR); 24. *L. Levreaud (FR); 25. *M. Dussenty (FR); 26. K. Barkoviĉ (FR); 27. M. Führer (DE).

**NE ATENDU POR ALIĜI !**



## EL ESPERANTO-MOVADO

❒ Internacia Esperanto-Instituto (IEI), Rouwstr. 172, NL-2585 HW DEN HAAG, Nederlando, eldonis Poŝtkartan E-Kalendaron 1997. La prezoj - ekskluzive de la sendokostoj - estas en nederlandaj guldenoj. Unuopa ekz. kostas 0,35NLG; 10 ekz. 3,00 NLG; 25 ekz. 7,00 NLG; 50 ekz. 13,50 NLG kaj 100 ekz. 25,00 NLG. Mendu rekte ĉe IEI.

❒ La Redakcio de "Heroldo de Esperanto" havas novan adreson : CP 237, CH-6830 Chiasso 1, Svislando. Retpoŝto : giancarlo.fighiera@toino.alpcom.it. Fakso: +39(0)11 226 30 78.

❒ Nun okazas t.n. popolnombrado en la interreto. La enketistoj provas havi 100000 respondojn. Unu el la demandoj temas pri preferata lingvo en la reto. Respondanto povas elekti Esperanton kaj ni petas al ĉiuj, kiuj havas TTT-kapablon, iru al : http://www.netributes.com kaj elektu "Take the survey" kaj respondu al la demando "Prefered Language", Esperanto. Al la aliaj demandoj vi ne estas devigata respondi. La nuna statistiko pri voĉdonoj (vidu "view statistics" en la sama TTT-paĝo) montras Esperanton en la **dua** pozicio post la angla.

❒ Internacia Junulara Kongreso 1997 (kongreso de TEJO) okazos de la 24-a ĝis 31-a de julio 1997 en Assisi, Italio. Ĉiujn informojn kaj aliĝkondiĉojn vi povas havi ĉe la adreso : Alessandro Amerio, via Cumiana 45, I-10141 Torino. Tel.: +39.11.385.42.00; Fakso/ +39.11.545.731. Retadreso: a.amerio@agora.stm.it.

❒ Aperis nova Dialog', alekstera informbulteno de TEJO. Ĝi aperas en tri lingvoj : angla, franca kaj hispana. Kiel kutime ĝi enhavas mallongajn artikolojn pri kongresoj, seminarioj kaj ĉiaj okazaĵoj en la junulara movado. Ekzempleroj de "Dialog'" estas mendeblaj ĉe la CO, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam aŭ ĉe BonEJO, Rheinweg 15, DE-53113 Bonn.

❒ La instrufilmo "Mazi en Gondolando" en E-versio eniris la 1-an programon de la Pola televido, kadre de la tre populara programo por junularo "5+10+15", ĉiun duan sabaton. La video-instrumetodo "Mazi en Gondolando" estas akirebla ĉe Internacia E-Instituto en Hago.

**S.A.T.** DISTRA PAĜO POR  **erinaco** SERIOZAJ SAT-ANOJ!

## NEATENDITA RESPONDO







*Jen la TTT-paĝo de nia fratorganizo - hispana LEA - HALE*